# Esperanto Hamburg



Esperanto Hamburg e.V.

Junio / Julio / Aŭgusto (3) 2014

# Erikejo sen erikoj

Baldaŭ la fragoj estos maturaj en arbaroj de la *Luneburga Erikejo*

Foto: Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e.V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

en Februaro ŝajnis ke en *Ukrainio* komenciĝus nova tempo kun pli da demokratio. Nun multaj homoj en Eŭropo timas, ke povus ekesti nova milito. Oni vidis, ke preskaŭ ripetiĝas la historio: *Krimeo* nun estas parto de Ruslando sen ke ekzistas nova *munkena kontrakto*.

En Ukrainio nun okazis elektoj de ŝtata prezidanto, sed en la orienta parto de la lando multaj balotejoj ne estis atingeblaj, ĉar armitaj trupoj de rusofilaj separatistoj ne permesis aliri. Estis elektita la orient-ukraina ĉokolad-fabrikisto *Petro Poroŝenko* en la unua elekto. *Poroŝenko*, kiu jam laboris kun *Timoŝenko* kaj *Janukoviĉ,* alvokis la separatistojn, fini la batalojn; senefike. Evidente tiuj separatistoj estas tute ne regeblaj: Eĉ ne de *Putin*.

Sed ankaŭ ekzistas aliaj problemoj en Eŭropo: En Britio kaj Francio en la eŭropaj elektoj tre plifortiĝis kontraŭ-eŭropaj partioj. Oni supozas ke la malkontentaj homoj per tiaj elektoj volas puni la registarojn. En Hamburg ŝajne la civitanoj scias diferenci inter hejma kaj eŭropa politikoj.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de
**Esperanto Hamburg**
okazas en la
*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**



## Sentenco

**La historio daŭre instruas – sed ĝi ne trovas lernantojn.**

*Ingeborg Bachmann*

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2014: 15 - 08 - 14**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2014: 15 - 10 - 14**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2015: 15 - 01 - 15**

# La Luneburga Erikejo

Ĝi estas la plej malnova kultura pejzaĝo en Germanio. Plej konata estas la pejzaĝo pro la larĝaj terenoj, kie kreskas kaj violkolore floras la eriko-plantoj. Sed tie oni ankaŭ trovas tute aliajn formojn de tereno:

Apud la stepo-similaj kampoj kun juniperoj ekzistas vastaj arbaroj kun pinarboj kaj eĉ arbaroj kun falfoliaj arboj, kie kreskas multaj plantoj, kiuj estas speciale vidindaj, kiel la ruĝaj digitaloj, oksalidoj (acidaj trifolioj) kaj sovaĝaj fragoj (titolpaĝe).



**Digitalo** Foto: B. Klehr



**Oksalido** Foto: Schnobby/Vikimedia

La erikejo laŭ la poeto *Eichendorff* estis seka senarba kaj senhoma loko; por *Hans Christian Andersen* ĝi estis magia mondo kun miraklaj lokoj kaj *Hermann Löns* priskribis amindajn montetojn, dunojn, ebenaĵojn kaj valojn. La klarigo, ke la arbaroj de la erikejo malaperis en la salokuirejoj de Lüneburg nur parte estas ĝusta:

Por produkti salon oni boligis multan salakvon, bruligante lignon, sed la tero en la regiono de la urbo neniam estis fekunda. La sablo jam ekzistis antaŭ la homo.



**Tipa erikeja pejzaĝo** Foto: Willow/Vikimedia



Subaj fotoj: B. Klehr

En la lokoj kie restis arbaroj, oni trovas ombrajn lokojn dum varmaj someroj, kie eblas promeni sur molaj verdaj tapiŝoj. La *Luneburga Erikejo* estas nek dezerto nek stepo, sed bela varia pejzaĝo.

Ĝi troviĝas nur kelkajn kilometrojn sude de Hamburg kaj vere valoras viziton; speciale dum Aŭgusto kaj Septembro, ĉar tiam floras la erikoj.



# Ekskurso al Hoopte, sur la suda flanko de Elbe je sabato, 19.7.2014

## 1. Veturado per HVV

| | | |
|---|---|---|
| stacio Berliner Tor | S21 | 13.57 (sur la kajo) |
| Alveno Bergedorf | S21 | 14:15 |
| Renkonto ĉe suda elirejo | | 14:20 |
| Busstacio Bergedorf | buso 227 | 14:39 |
| Neuengammer Elbdeich | alveno | 15:01 |
| Neuengammer Elbdeich | buso 120 | 15:02 |
| Zollenspieker (Fähre) | alveno | 15:12 |

**Esperanto Hamburg e.V. pagos** kaj Gerald organizos bileton por tiuj, kiuj ne havas HVV-abonon. Sciigu tion al Gerald!

## 2. Biciklantoj

renkontiĝos jam je 13:20 ĉe la suda elirejo de S-stacio *Bergedorf* (*Bahnhofsvorplatz*, vid-al-vide de *City Center Bergedorf*). Ni kune biciklos tra Vier- und Marschlande, kun mallonga paŭzo, ĉirkaŭ 13 km, ĝis *Zollenspieker* (Fähre), kie ni alvenos ĉirkaŭ je 15:15.

## Biciklantoj kaj HVV-vojaĝantoj

havos en *Zollenspieker* aŭ en *Hoopte* ĉirkaŭ unu horon por promeni, ripozi.

De *Zollenspieker* ni veturos per pramŝipo; ĝi veturas ĉiujn dek minutojn.

**Esperanto Hamburg e.V. pagos la prambiletojn** por siaj membroj.




## En *Hoopte*,

urboparto de *Winsen*, troviĝas interesa fiŝgastejo ***Grube's Fischerhütte***. Ĝi staras sur la maldekstra bordo de la rivero Elbe. (ĉirkaŭ je 16:30)

Tie ankaŭ ekzistas aŭtoparkejo, se vi alveturos aŭte kaj ne per pramŝipo.

## La menuo

de la gastejo ofertas freŝ-preparitajn fiŝojn laŭsezone, en julio salitajn haringojn (*Matjes*), kaj aliajn fiŝaĵojn kiel bramo (germ. *Brassen*), truto, salmo aŭ fiŝbuloj, ĉio servita kun en pato bakitaj terpomoj.

Se via apetito aŭ malsato estas nur malgranda, haveblas ankaŭ fiŝ-bulkoj. Se vi volas partopreni la ekskurson, sed **ne** volas manĝi fiŝon, bonvolu sciigu al *Peggy* sufiĉe frue, ĉar ni povas antaŭmendi porkan eskalopon aŭ viandon en acida ĵeleo kiam ni rezervos la tablojn. Ĉiuj mem pagu, kion ili konsumas en la restoracio.

## Aliĝu

ĉe Gerald, en la klubo, rete geroemer@t-online.de aŭ telefone 040-4917194 ĝis la 30.6.2014 kaj sciigu al Peggy, rete Sin-o_Peggy_Ley@gmx.de, kiun manĝaĵon vi elektas.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Junio

**5** *Kerstin Baasch:*
**Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**

**6-9** Renkontiĝo meze en Eŭropo:
**91a Germana Esperanto-Kongreso**
En Erfurto/Turingo

**12** Post la germana kongreso en Erfurt:
**Partoprenintoj raportas.**
Bonvolu kunporti memoraĵojn kaj fotojn/filmojn.

**19** Pia Haasis: Piet Mondrian
La nederlanda pentristo estas konata pro tri-koloraj pentraĵoj. Prelego pri lia vivo kun bildoj

**21** (Sabato je 15h ĝis 19h) *Peggy Ley*:
**Prezentado de la proponoj por la 111-jara jubileo de Esp. Hamburg**
Venu, ĝoju kaj decidu.

**25** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**26** *Ni kune laŭtlegas la unuan ĉapitron de:*
**La vojaĝoj kaj mirindaj aventuroj de Barono Münchhausen**
de Rudolf Erich Raspe

## Julio

**3** *Benno Klehr:*
**Vizitindaj lokoj en Hamburgo**
Prelego kun fotoj.

**10** **GraVe (Gramatika Vespero)**
Koncedo kaj opozicio

**17** *Gerald Roemer:*
**Riverego, ekovilaĝo, renovigitaj ruinoj –** impresoj de Elbe kaj Altmark

**19** **Bicikla ekskurso al Hoopte**
(Sabato) Bv. legi ĉi-koncernan artikolon

**23** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**24** **Paroliga Somero:** En du grupoj ni legas, kaj diskutas artikolojn el *Jeun Esperanto Info*:
***Kio estas kuirado*** kaj ***Mirinda Bretonio***

**31** **Paroliga Somero:** Ni pridiskutas artikolojn el *Monato*: ***Spaco por aĵoj el la spaco*** kaj ***Eŭtanazio por neplenkreskuloj***

## Aŭgusto

**7** *Jürgen Wulff:* **Legado el la libro**
***La Legisto*** de Bernhard Schlink

**14** **Paroliga Somero:** En du grupoj ni legas, kaj diskutas artikolojn el *Jeun Esperanto Info*:
**Nordkorea televido, alia mondo“** kaj
**La gitar-heroldo Woodie Guthrie**

**21** *Philip Newton kaj Carsten Schnathorst:*
**Somera Esperanto-Studado**
SES okazis fine de Julio en Slovakio.

**27** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**28** *Kerstin Baasch:*
**Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**

## Septembro

**4** *Volker Kraeft:* **SWR2-Matinee**
**Selbstgemacht** - Künstliche Sprachen

# Hamburg-Enigmo



Kie en Hamburg troviĝas tiuj malgrandaj domoj?
Ne estas en Oevelgönne, sed en ne-atendita alia kvartalo.

Foto: B. Klehr

# Ekskurso en Majo

Kiam membro ne povas veni al la klubo, la klubanoj venas al la membro. Tiel estis por la vizito ĉe Vesna Staniĉić-Burchrards kiu post dorsa operacia ne povas sidi aŭ stari longe, do ne eblas al ŝi viziti nin en la kulturbutiko. La 1an de majo ŝi akceptis nin dum bela kvankam iomete freŝa vetero en la ĝardeno de ŝia domo en Norderstedt. Entute ni estis 13 personoj. Ni kunportis kukojn, vaflojn, kolbasetojn, ŝinkon kaj panon kaj ĝuis la posttagmezon babilante, manĝante kaj trinkante kafon/teon kaj poste ankaŭ iom da brando. Estis kiel en la iamaj tempoj en nia propra klubejo.



**Mariko kun kato**

Teksto kaj foto: J. Wulff

# Vizito de prezidanto

*Sebastian Kirf*, prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, la 10an de Aprilo 2014 venis al la klubvespero de Esperanto Hamburg, por informi la membrojn pri novaĵoj el GEA kaj la planoj por estonteco.
Ekzemple Sebastian informis, ke GEA volas skani la dokumentojn de GEA kaj transdoni la datumarojn al la *Germana Federacia Arĥivo*. Alia informo estis ke nun ekzistas senkosta telefona numero en Germanio, por informi sin pri Esperanto: 0800 3 36 36 36. La estraro de GEA laboras kun la plej novaj teknikoj.



**Klubvespero kun prezidanto** kunmetita el 2 fotoj de Volker Kraeft

# Ĉielira tago

La 29an de majo 9 membroj kaj la patrino de Jürgen vizitis Horst kiu malavare invitis nin al kaftrinkado en la kafejo de la *Hospitalo de la Sankta Spirito* en *Poppenbüttel*. Ni multe ridis kaj ĝuis la etoson. Kaj kiam nia iama membro *Eva Löbel* ne-anoncite ankaŭ venis, nia ĝojo estis ege granda. Eva kiu havas 93 jarojn estis ege vigla kaj esperantlingve rakontis pri ŝia nuna vivo kaj pri la interŝanĝo de libroj kun amikoj. Ŝajnis ke ŝi tute ne aĝiĝis dum la lastaj jaroj. Estis vera kulmino de la posttagmezo. Horst ankaŭ montris al ni sian loĝejon, estas unuĉambra apartamento en unu el la domoj de la hospitalo. Ni iomete bedaŭris ke ni jam devis foriri, sed ni promesis reveni la venontan ĉieliran tagon.



**Albert, Jutta kaj Erika**



**Gerda, Eva kaj Horst**

*Teksto kaj fotoj: J. Wulff*

# Surŝipa fest-ekskurso

Nia membro Volker Kraeft jam en Decembro lastjare iĝis 50-jara, sed nur nun, kiam la vetero estas pli aloga, festis sian naskiĝtagon. Li invitis parencojn kaj amikojn. Kompreneble ankaŭ kelkaj Esperanto-amikoj ĉeestis: Hannelore, Dominik, Ralph kaj Jürgen havis la honoron sperti eksterordinaran feston,kiu komenciĝis per delica manĝo sur ŝipo kiu veturis de Bergedorf al Wilhelmsburg dum 3 horoj. Volker luis la tutan ŝipon por siaj gastoj dum tiu tago. Per sprita kvizo kaj interesaj informoj pri la vidindaĵoj ambaŭflanke de la riveroj Bille kaj Elbe Volker zorgis por distrado. En Wilhelmsburg ni kaftrinkis kaj poste per buso ni vizitis kelkajn lokojn el la junaĝo de Volker. Poste ni vizitis la tiel nomatan energiobunkron en Wilhelmsburg kie ni de la 8a etaĝo ĝuis la grandiozan panoramon de Hamburg. Fine la buso retransportis la gastojn al la trajnhaltejo aŭ al Bergedorf. Estis neforgesebla tago.



**Volker sur la ŝipo *Serrahn Star***

*Teksto kaj foto: J. Wulff*

# Specialaj stratŝildoj
## por homoj kun malbona vidkapablo

En Germanio vivas 4,5 milionoj da homoj, kiuj ne estas tute blindaj sed malbone povas vidi. Ofte ili nur kapablas rekoni personojn aŭ ŝildojn kiuj estas tute proksimaj. En la urbeto *Wedel* apud Hamburg oni pasintjare startis projekton per specialaj ŝildoj, kiuj troviĝas en alteco de 1,30 metroj ĉe la mastoj de la normalaj ŝildoj kun la stratnomoj. Ili estas pli bone legeblaj de mallonga distanco ol tiuj ŝildoj en alteco de 2,50 metroj. Ili ne estas tre grandaj sed tiom malgrandaj ke eblas de proksime legi la skribaĵon per unu rigardo.







**Kie estas la malgrandaj sildoj?** Fotoj: B. Klehr

Tamen mi miris ke ili nur havas dimension de 11 × 3,5 centimetroj. Kiam mi estis en Wedel mi devis serĉi la ŝildetojn, kvankam mi sciis ke ili estas tie. Ĉirkaŭ la kruciĝo de Rathausplatz kaj Mühlenstraße troviĝas 16 mastoj de lanternoj kaj ŝildoj. Kiam mi estis trovinta la maston kun la supraj grandaj ŝildoj, mi povis pliproksimiĝi por legi la malgrandan.

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Tiuj ĉi dometoj troviĝas en la fi-fama strato *Große Freiheit* n-ro 86.

Foto: B. Klehr

# Tolerema junularo en Eŭropo

La Eŭrovido-Kantokonkurso 2014 en Kopenhago fariĝis manifastacio de toleremo en Eŭropo. La konkurson gajnis la Aŭstra travestia kantistino *Conchita Wurst* (Thomas Neuwirth) kun la kanto*Rise Like A Phoenix.* Pro la partopreno de publike rekonebla gejo, aperis el Ruslando alvoko, bojkoti la konkurson. Tamen venis 5 poentoj el *Ruslando*, 8 el *Ukrainio* kaj eĉ 10 el *Kartvelio* (germane: Georgien).



Foto: Ailura/Wikimedia

# Germanoj kun du pasportoj




Kunmetita el fotoj de *C. Horvat* kaj *Boy from far*/Wikimedia

La germana registaro volas ŝanĝi la leĝon pri ŝtataneco de infanoj de eksterlandanoj, kiuj naskiĝis en Germanio. Ĝis nun infanoj de enmigrintoj devas decidi ĝis la aĝo de 23 jaroj, ĉu ili deziras la ŝtatanecon de la gepatroj aŭ la germanan. Du pasportoj laŭ la germana leĝo ĝenerale ne eblas. Tamen ekzistas esceptoj, kio evidente estas maljusta. Estonte oni volas forigi la devigan decidon inter la du ŝtatanecoj. Infanoj de eksterlandanoj, kiuj naskiĝis kaj vivis en Germanio havu la eblecon, ricevi du pasportojn.

# Bluokula CDU

En varbfilmo por la eŭropaj elektoj (la 25an de Majo) CDU prezentas plurajn personojn, kiuj laŭdas la atingojn de la *Eŭropa Unio*. Ĉiuj parolantaj personaj estas bluokulaj. Unue mi ne konstatis, ke estas CDU-filmo. Mi supozis ke estas dekstra popolisma partio, ĝis fine aperis la kancelierino Merkel – ankaŭ bluokula. B.K.

# Luksa modo el problema kvartalo

Sur insulo Veddel en la rivero Elbe, vivas multaj enmigrintoj; plej multaj kun turka origino. Por virinoj enmigrintaj estas speciale malfacile trovi laboron. Multaj ne sufiĉe bone regas la germanan lingvon, ĉar hejme ili parolas la propran lingvon, kaj ili vivas inter si en propra socio. Por integrado de tiuj virinoj estis fondita la societo ***Made auf Veddel*** = farita sur (insulo) Veddel.



Foto kun afabla permeso de Made auf Veddel

La modo-kreantino Sibilla Pavenstedt konstatis, ke tiuj virinoj havas eksterordinarajn kapablojn en manlaboroj. Ili lernis la tradiciajn artojn de trikado kaj hoketado de siaj patrinoj kaj avinoj; artoj kiujn multaj germaninoj ne regas. El kombinaĵoj de elegantaj ŝtofoj kaj eksterordinaraj trikaĵoj *Sibilla Pavenstedt* kreas luksajn robojn.

Intertempe estas 12 virinoj, kiuj partoprenas en la projekto, en kiu ili lernas kudri per modernaj maŝinoj kaj povas plibonigi siajn sciojn de la germana lingvo. Ili rajtas kudri en la kudrejo de *Made auf Veddel*, aŭ kudri hejme per la samaj maŝinoj, por libere disponigi la tempon, kiam ili laboras.




La projekto intencas plibonigi la ŝancojn de virinoj integriĝi en la Hamburga socio kaj poste pli facile trovi laboron, kun tajloraj kapabloj kaj pli bonaj scioj de la germana. Tiel ili ankaŭ plibonigas sian memcertecon kaj estimon en la ĉirkaŭaĵo.
La lernateliero troviĝas en *Veddeler Brückenstraße 134,* do vere sur la insulo *Veddel*.

Interrete: www.madeaufveddel.de

Atelier Sibilla Pavenstedt • Lange Reihe 13
20099 Hamburg • Telefon: +49 40 8060 2480
www.sibilla-pavenstedt.net

Made auf Veddel • Verein zur Integration von Frauen mit Migrationshintergrund e. V.
c/o Iris Killinger • Heilwigstraße 40 • 20249 Hamburg

# Kion mi ne vidas, tio ne ekzistas

En la riĉa urbo Hamburg oni vidas – ĉie en la urbo – malriĉulojn, kiuj traserĉas la rubujojn. Plej multaj el ili serĉas botelojn, kiuj alportas iom da mono pro la garanti-mono, kiun oni ricevas redonante ilin. Plastaj boteloj valoras po 25 eŭro-cendoj. Nun troviĝas novaj rubujoj ĉie en la urbocentro, kiuj disponas pri rubopremilo, kaj malebligas elpreni botelojn el la interno. Ili kostas po € 5000 kaj sendas mesaĝon al la posedanto, kiam ili estas plenaj.
Do la urbo Hamburg investas monon ne por forigi la malriĉecon de la homoj, sed por forigi la malriĉulojn el la bildo de la urbocentro.
Sed en Hamburg vivas bonkoraj homoj, kiuj fiksas plastajn kestojn ĉe la rubujoj; por boteloj...



Foto: B. Klehr

Nun – kelkajn semajnojn post la starigo de la rubujoj – kaj post kiam diversaj personoj kaj organizoj protestis kontraŭ tiu malsociala agado, la urba puriga entrepreno komunikis, ke oni baldaŭ almetos al la rubujoj flankajn korbojn por boteloj.
Jen alia pruvo, ke hamburganoj estas toleremaj kaj aktivaj demokratoj.

# Bicikla demonstracio




La lastan vendredon en ĉiu monato biciklistoj el Hamburg kaj la ĉirkaŭaĵo renkontiĝas por okazigi komunan biciklan demonstracion *Critical Mass*. Laŭ la trafika regularo pli ol 15 bicikloj en unu grupo estas rigardata kiel konvojo, kiu estas kvazaŭ unu veturilo. Tiu grupo rajtas uzi la tutan veturvojon sur strato, sed oni devas observi la ĝeneralajn rergulojn. En Junio 2014 tiu *Critical Mass* en Hamburg estis la plej granda tia demonstracio en Germanio kun 5000 partoprenantoj, kaj la plej granda ĉiumonata *Critical Mass* en Eŭropo.



**Critical Mass en Prago** Foto: Hynek Moravec/Wikimedia